# 64-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




# Kongresa Kuriero 1




entute ĝis nun aliĝis 1535 personoj
de 49 landoj i.a. 6 el Ĉinio
10 el Soveta Unio
kaj eĉ 11 el Irano.

Morgaŭ matene - sabate - la famkonata
ESPERANTO - B A L O N O
tiu kiu troviĝas sur la poŝtmarko - ek de la 9a horo estos en la TRANSPORTA MUZEO. Je la 11 h ĝi flugos kaj transportos la postaĵojn sub la gvido de la direktoro de la Transporta Muzeo.

\+ + + +

REAGO DE LA LUCERNA GAZETARO

- aperis jam hodiaŭ du sufiĉe ampleksaj artikoloj.
  artikolo preskaŭ tuta paĝo en "Luzerner Neueste Nachrichten" pri Esperanto ĝenerale kaj pri la kongreso,
  kaj kvaronpaĝa artikolo en "Luzerner Tagblatt" pri la kongreso mem. Sabate estos artikolo en "Vaterland".

\+ + + +

SVISA RADIO sendis6-minutan intervjuon kun d-ro Baur svisgermane kaj esperante pri la lingvo en "Rendevous am Mittag" je ĉirkaŭ 13.30 h.
SVISA RADIO INTERNACIA sendis intervjuon en germana lingvo sur mallongaj ondoj pri la kongreso.
TELEVIDO sendis lastan semajnon en kultura programo intervjuon pri Esperanto.La elsendo daŭris 7 minutojn!

SALUTON! LA REDAKCIO TUTKORE BONVENIGAS VIN EN LUCERNO

el komitatkunsidoj

la komisiono pri rezolucioj elektita okaze de la 1-a kunsido konsistas el
s-oj Boersme/NL Jermek/CSR, Leon Smith/GB

oni atingis la lastan, 14an punkton de la tagordo,sed ne finis sed daŭrigas ĝin morgaŭ sabate matene.

ROTARIA KUNVENO

Ĉiuj kongresanoj rotarianoj nepre venu al la rotaria tablo dum la I N T E R K O N A V E S P E R O hodiaŭ.
- Rotariano G. Leon-Smith, K-n-ro 33

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

A T E N T I G O   Kreditoj estas riceveblaj ekde de lundo!

Al la ARTISTOJ! Bonvolu kontakti kun S-ro Pavlovic

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

Verkoj de FERDINAND HODLER, kiuj aktuale estas ĉe

KUNSTMUSEUM LUZERN:
Lago kaj Monto Blanka, 1918
Aŭtuna pejzaĝo ĉe Soloturno
arbhakisto, 1910
Breithorn, ĉirkaŭ 1911
La Tago, unua versio
Portreto de virino
Portreto de d-ro Karl Spitteler, 1915

MEDICINISTA (UMEA) BANKEDO:

La Memora Bankedo por la sesa-foja UMEA-Premio okazos dum la 64-a UK de Esperanto en Lucerno. Gesamideanoj interesitaj al medicina estos varme akceptataj aliĝi tiun Bankedon.
Interesitoj reservu la Bankedon z. de D-ro H. Shinoda, "Grand Hotel National", Luzern, Haldenstrasse 4, Tel. 243322, aŭ plej prokraste ĉe la 18-a Jarkunveno de UMEA, kiu okazos la 2-an de aŭgusto, 16 h oo ĝis 18 h oo en la salono "Saussure" de la Kongresejo.

JEN LA BANKEDO - dato kaj horo - 2-a de aŭgusto, ĵaude 19h30 ĝis 21h30
- ejo - Hotelo "Gütsch" Prezo: sfr.36,--

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

ATENTIGO - Kongresano kiu volus partopreni la folkloran vesperon petu bileton ĉe la elirejo post la inaŭgura ceremonio. Sen bileto ne eblos eniri, ĉar nur estas limigata kvanto da lokoj.

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

EL LA KOMISIONO PRI TURISMO KAJ KONGRESOJ :

D-ino Flôra Szabô-Felsö estris la komisionon, kiu i.a. proponis okazigi TURISMAN FOIRON dum la sekvonta UK. Same proponas, ke eventuale okaze de la sekvonta UK oni aranĝu kursojn por eduki vojaĝgvidantojn.

---

"Tekxt geschrieben mit IBM Kugelkopfschreibmaschine, Modell 82C."
"Teksto skribita kun IBM kuglokapa-skribmaŝino, modelo 82C." ----

1472 S-ino Jadwiga Knabit, ul. Kilinskiego 35 m 2, PL-08-110 Siedlce, Pollando
1473 S-ro Hugues Henry, 9 Résidence Rochebrune, F 91220 Bretigny, Francujo
1474 S-ro Jacques Decobert, 45 av. Beziou, F 64140 Billère, Francujo
1475 F-ino Jeanne Tircazes, sama adreso
1476 S-ro Song-san Ahn, 6 Tammy Circle, St. Catherines, Ontario, Kanado L2N 1R3
1477 S-ro Alberto Menabene, Via Monti Sibillini 3, I 00141 Roma, Italujo
1478 Britta Brodersen, Tvaergade 33, DK-5750 Ringe, Danlando
1479 Frato Joakim Nagy, A-7212 Forchtenstein, Aŭstrujo
1480 S-ro Ralph M. Murphy, 231 Ashmont Street, Dorchester, MA 02124 Usono
1481 S-ro William West Glenny, 430 Peck Drive, Beverly Hills, CA 90212 Usono
1482 S-ro Yung-myung Kim, Myung-in Pediatric Clinic, 929-4 Bongdeok-dong Teagu, Korea Respubliko
1483 S-ro Paul Spies, Reichenbergerstr. 3, D-8901 Meitingen-Herbertshofen, FR Germanujo
1484 S-ro Hugo Röllinger, Frühliugstr. 6A, D 873 Bad Kissingen, FR Germanujo
1485 F-ino C. J. Knoop, Bevrijdingsstr. 44, 6551 CP Weurt, Nederlando
1486 S-ro Hubert A. Nubbaumer, Katherinenstrabe 14, D-7990 Friedrichshafen 1, Germanujo
1487 S-ro Andy Künzli, Zumhofstrasse 22, 6010 Kriens CH, Svislando
1488 S-ino Irene Marguerite Marie Dancausse, 7 rue Pasteur, 31210 Montrejeau, Francujo
1489 S-ino Emmy-Hanny Pellanda-Müller, Turmstr. 16, CH-8400 Winterthur, Svislando
1490 F-ino Danielle Béguin, CH-2515 Prêles, Svislando
1491 F-ino Margrete Hansen, Rylevej 33, 8600 Silkeborg, Danlando
1492 F-ino Rigmor Pedersen, Lupinvej 48, 8600 Silkeborg, Danlando
1494 S-ro Acuo Ooba, 1-7-3-706 Koenjiminami Suginami-ku, Tokyo, Japanujo
1495 S-ino Shigeko Ooba, sama adreso
1496 S-ino Lizzi Thorsen, Kildeager 43, 2700 Brh Kopenhago, Danujo
1497 S-ro J. Beleznai, P. O. Box 2568, 6401 DB Heerlen, Nederlando
1498 S-ino Jadwiga Knabit, str. Kilinskiego 35 m 2, 08-110 Siedlce, Pollando
1499 S-ro Haile Negash, Etiopio
1500 F-ino Rochelle F. Grossman, 80-50 Baxter Ave., Elmhurst, NY 11373, Usono
1501 S-ro Aref Azari, P.O. Box 2532,Tehran, Irano
1502 S-ro Bela Anka, Budapest I, Fluvjadi it 9, Flungariyo, Hungarujo
1503 F-ino Mariola Tic, Orzesze, Plebiscytowa 6, Pollando
1504 F-ino Najmeh Pezeshki, 77 kh. Bargh, Bainolmatal, Kh, Nezamabad, Tehran, Irano
1505 F-ino Shahnag Morshed, Kh. Nawab. Kh. Shokoofeh No. 162, Irano
1506 S-ino Shahla Ataee, Kh. Narran. Kh Shiro Korshid-Karaj, Irano
1507 S-ro Mohamad Pezeshki, sama adreso
1508 S-ro Delian Simeonov, 22 G. Genov, Sofia 1000, Bulgarujo
1509 S-ino Heleno Juhasz, Hodmezövasarhely 6800, Str. Adyendre 76, Hungarujo
1510 S-ino Margareto Szirom, 7621 Pécs, Zrinyi u. 10,Hungarujo
1511 F-ino Margit Mèszàps , 2344 Dömsöd, Hugario
1512 S-ino Maria Györi, H 2747 Törtel, str. Kinizsi 5, Hungario
1513 S-ro Pèter Rados, Oktober 6, ul. 15, Budapest, Hungario
1514 Eta Szàsz, Martirok u. 42 Budapest 1o27, Hungario
1515 S-ino Hilger, Margarete, Wallauerstr 20 D 6238 Hofheim

daŭrigota

IJK EN NEDERLANDO RIGARDIS EKSTEREN

Dum la ĵus pasinta semajno, inter la 20a kaj 27a de julio 1979, okazis la 35a Internacia Junulara Kongreso de TEJO. Tiu kongreso allogis 32o partoprenintojn el dudeko da landoj al la vilaĝo Austerlitz, centre de Nederlando.

Se unu faktoro apartigas ĉi tiun IJK disde tiuj en la lastaj jaroj, estas la specifeco de la kongresa temo kaj la kvanto de atento, kiun ĝi ricevis. Pri la temo - "Interŝtataj unuiĝoj - kiucele?" prelegis kvin spertuloj, nur tri el ili esperantistoj. D-ro Humphrey Tonkin prelegis enkonduke, provante respondi al la titola demando "kiucele?". S-ino Akiko Woessink-Nagata, redaktoro de "UN kaj ni", prezentis ilustritan prelegon pri la lingvaj problemoj en UN kaj en la Eŭropa Komunumo. S-ro John Catling, ĉef-administranto de la ekonomia kaj socia komitato de la EK, klarigis la ĉiutagan funkciadon de la EK-instancoj en Bruselo. La junulara kunordiga oficisto por la Unuiĝintaj Nacioj en Genevo, s-ro Peter Kuenstler, ofertis takson pri la grado ĝis kiu UN sukcesis plenumi la celojn kiujn oni antaŭvidis por ĝi. La Generala Sekretario de la Eŭropa Kunordiga Buroo por Internaciaj Junularaj Organizoj, s-ro Richard Corbett, ekzamenis la sociajn implicojn de la eŭropa integriĝo, kaj aparte tuŝis la problemojn de junulara senlaboreco kaj kreskanta ekonomia malegaleco ene de la EK.

La du laste menciitaj prelegantoj alparolis la kongresanojn naci-lingve. Tiel rezultis fenomeno kiu devus esti superflua en Esperanto-kongreso: tradukado. Malfacilaĵojn tion prizorgi tamen multe pli ol kompensis la apartan spertecon kaj prestiĝon de tiuj prelegantoj. La Komisiono pri Eksteraj Rilatoj de TEJO, kunlabore kun la Loka Kongresa Komitato, donis tiun eksteran aspekton al la kongreso. Nome okazis paralele kun la IJK, seminario kun ĉ. 30 partoprenantoj, inter kiuj troviĝis reprezentantoj de pluraj ne-esperantistaj junularaj organizoj. Post ĉiu prelego la seminarianoj, helpe de samtempa tradukado, diskutis funde la enhavon de la prelego kun la preleginto.

Krome ses laborgrupoj funkciis kadre de la kongresa temo: pri la eŭropa, la nordlanda kaj la helena unuiĝoj, pri la sekvoj de la Fina Akto de Helsinki, pri hommediaj problemoj translimaj kaj pri la maldeŝirindaj aspektoj de unuiĝo. La kutimaj distraj eroj ne mankis, naskiĝis eĉ pluraj novaj, por liveri senprecedence plenan programon al la kongresanoj.

La Komitato de TEJO kunsidis kvinfoje. La komitatanoj, samkiel tiuj de UEA en Lucerno, alvenis unu tagon pli frue ol la ceteraj kongresanoj, por tuj lanĉi sin en la laboron. Tiu komitato elektis novan estraron por gvidi la Organizon tra la sekvontaj du jaroj:

Prezidanto: Stefan MacGill, Nederlando (kunordigo, rilatoj kun UEA)
Vicprezidanto: Bruĉjo Kasini, Italio (financoj, interna varbado)
Vicprezidanto: Csaba Lendvay, Hungario (eksteraj rilatoj)
Generala Sekretario: Thomas Bormann, FR Germanio

Ian Jackson, Britio (eldonaĵoj, pasporta servo)
Michael Lennartz, Germana DR (landaj sekcioj, edukado)
Zdravka Metz, Jugoslavio (regiona agado)
Bob Venhuizen, Nederlando (kongresoj)
Amri Wandel, Israelo (ekstera varbado)

La Komitato elektis per aplaŭdo la pasintan prezidanton, d-ro Savas Tsiturides, Greklando, Honoran Prezidanton, kaj sammaniere donis honoran membrecon al Floreal Gabalda, Venezuela, pro lia plurjara laboro pri regiona agado kaj specife pro lia vigla agado en latinameriko.

# 64-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




# Kongresa Kuriero 2




dimanĉo, la 29-an de julio 1979

SALUTON,
karaj kongresanoj. Jen jam la dua numero de la Kongresa Kuriero. Spite al la informo en la Kongresa Libro, ke ĝi okazos laŭbezone, ĝi aperos ĉiu-tage; sekve ĝi ne nur estos via informilo pri programŝanĝoj kaj anoncfolio por novaj programeroj, sed ankaŭ restos sufiĉe da loko por raporti pri plej gravaj okazintaj kongreseroj. Se vi havas informon por ĝi, donu la informon al mi ĉe la giĉeto "Informoj". Mia kongresnumero estas 105.
Mi ankoraŭ volas danki al Georg Winkler kaj Fritz Hilpert, kiuj verkis la unuan numeron de la Kongresa Kuriero, dum kiam mi ankoraŭ vojaĝis de Austerlitz al Luzern.

Thomas Bormann

Nr. 173 Samstag, 28. Juli 1979 **Vaterland**

## Stadt und Region Luzern

Der grösste Kongress im Jahre 1979

### 1520 Esperantisten in Luzern

**W. «Wir heissen die Teilnehmer des 64. Esperanto-Weltkongresses in Luzern willkommen und wünschen Ihnen einen angenehmen Aufenthalt in der Schweiz sowie eine erfolgreiche Tagung», lautet das Grusswort des Verkehrsvereins Luzern. Es ist verständlich, dass sich das Kongressbüro über diese Veranstaltung freut, ist es doch der grösste Kongress der 1979 in Luzern abgehalten wird und einer der wichtigsten der dieses Jahr in der Schweiz zur Durchführung gelangt.**

**Bonvenon al la 64-a Universala Kongreso de Esperanto en Lucerno**

Jen artikolo el la gazeto "Vaterland" pri nia kongreso. Ĝi informas, ke la kongresa oficejo de Lucerno ĝojas pri tiu aranĝaĵo, ĉar ĝi estas la plej granda en Lucerno ĉi-jare kaj "unu el inter la plej grava, kiu ĉi-jare estas okazigita en Svislando". Rigardu ankaŭ la enkadrigitajn vortojn.

KLARIGOJ

En la Kongresa Kuriero 1 vi povis legi pri medicinista bankedo, kiu okazos la 2-an de aŭgusto je la 16-a horo en hotelo "Gütsch". Ĝi estas ankaŭ konata kiel "Chateau Gutsch" kaj havas la numeron 54 sur la mapo en la Kongresa Libro (paĝo 88, A 1).
"Kunstmuseum Luzern", kie troviĝas pentraĵoj de Ferdinand Hodler, estas parto de la kongreseja domo. Oni eniras tra aparta pordo en la stacidoma flanko.

GIĈETOJ MALFERMITAJ

Atentu, ke hodiaŭ la giĉetoj estos malfermitaj nur de la 8-a horo ĝis la 9-a 45 kaj posttagmeze denove de la 17-a 30 ĝis la 18-a 30.

L I B R O M E R K A T O   E S P E R A N T A
*********************************************

Ne forpasu la eblecojn pliriĉigi vian privatan bibliotekon

La plej vendataj libroj estas je komenco:

- La nobla korano (restis nur malmultaj)
- Asteriks la Gaŭlo
- Praktika bildvortaro en Esperanto
- Insignoj, diskoj, vortaroj

TIBOR SEKELJ

Ĵaŭdon, ekde de 11h30, s-ro Tibor Sekelj subskribos siajn librojn en la libroservo:

Tempesto super Akonkagvon
Tra lando de indianoj
Premiitaj novetoj
Ridu per Esperanto

LA BALONO EN AERO KAJ SUR POŜTMARKOJ
************************************

Je la posttagmezo oni povis vidi la "Esperanto-balonon", kiu ŝvebis super Lucerno kaj la kongresejo. Verŝajne vi jam vidis ĝin pli frue - sur poŝtmarko, kiu aperis en pluraj milionoj da ekzempleroj.
Sabate matene tiu balono eĉ funkciis kiel transportilo por poŝtaĵoj.

I n f o r m o j   p o r   a m a s l o ĝ e j a n o j

Se vi mendis lokon en amasloĝejo vi ricevos rajtigilon de la prizorgantoj, per kiu vi povas uzi ĉiujn busojn en Lucerno. La ĉefaj prizorgantoj estas la aranĝantoj de "Eŭropa Cantat 7", kiu estas kantfestivalo nuntempe okazanta en Lucerno.

IBM

afable disponigis al la kongreso 3 IBM-kuglokapo-skribmaŝinojn, per kiuj inter alie tiu ĉi Kongresa Kuriero estas tajpata. Rekompense ni varbos en la Kongresa Kuriero per jena slogano:

"Text geschrieben mit IBM-Kugelkopfschreibmaschine, Modell 82C."
"teksto skribita per IBM-kuglokapo-skribmaŝino, modelo 82C."****

Daŭrigo de la adresaro de kongrespartoprenantoj:
(n-ro 1516 ĝis 1588)

1516 S-ro Gadory Jstvàn, Dunaujvàros Vasmű, ut 37.I.1. Hungario
1517 S-ino Szanser Irena, Lewartowskiego 9 m 17, 00185 Warszawa, Pollando
1518 F-ino Tadaiŝi Ĉizuko, Simosato 4-1-8-405, Higaŝikurume, Tokio, 18o-03 Japanujo
1519 S-ino Pataki Maria, Robert K. Krt 2o IV. 54 1138 Budapest XIII, Hungario
152o F-ino Greger Jhowiga, 81-862 Sopot, stv. Knjawska 24, Pollando
1521 S-ino Sotirova Lilia Aleksandrova, "Hristo Botev" 51, 4ooo Plovdiv, Bulgario
1522 S-ro Papazov Dimitar Stojanov, 1373 Sofio, Suhodolska 2 bl 22, Bulgario
1523 S-ino Takeuĉi Reiko, 3-1-19 3-403 Someĉi, Cohu, Tokio, Japanujo
1524 S-ro Jurko Ludovit, Ŝvermova 7 o4o ol Kosiĉe, Ĉeĥoslovakio
1525 S-ro Takacs Koloman, Jozsefa Attilu 5, 040 01 Koŝice, Ĉeĥoslovakio
1526 S-ro Valentine Dersola, P.O. Box 84 Station "F", Toronto, Ontario, M4V 2l4, Canado
1527 S-ino Hrozova Maria G, Revoluĉna 12, 97401 Banska Bystrica, Ĉeĥoslovakio
1528 S-ino Kalinkova Elena, Kvartal ĉaŝka bl 18 V et I, Varna 9oo5, Bulgario
1529 S-ro Dai Dong-en, Esperanto-Sekcio de Radio Pekino, Pekino, Ĉinio
153o S-ro Zhang Kai, Esperanta Sekcio de Guozi Shudian, P.O. Kesto 131 Pekino Ĉinio
1531 S-ro Liu Ling, P.O. Kesto 77, Pekino, Ĉinio
1532 S-ro Ye Junjian, Ĉina Esperanto-Ligo, P.O. Box 77, Pekino Ĉinio
1533 S-ro Zhang Qicheng " " " " Pekino Ĉinio
1534 S-ro Ge Yifan, " " " " Pekino Ĉinio
1535 S-ro Fortuna Stanislav, strato Korfantego 16/1, 53-021-Wroclaw, Pollando
1536 S-ino Kuligowska Emilia Ewa, ul. J.S. Bacha 34m, 613, 02-739 Warszawa, Pollando
1537 S-ro Bernar Aldo, P.O.B. 6704 Addis Ababa, Etiopio
1538 S-ro Szanser Maciej, Lewartowskiego 9m 17, 00185 Warszawa, Pollando
1539 S-ro Lukàcs Andràs, Budafoki ut. 81. II. 8. Budapest H-1117, Hungario
154o S-ro Clerici Ranieri, via Luigi Boccherini 3, I 00 198, Roma, Italujo
1541 Rezervita
1542 F-ino Blaustein Augusta, 24 Maple rd, Manchester M23 9HJ, Anglujo
1543 S-ro Fügedi Gyorgy, I. Csalogdy v 4/d, lol5 Budapest, Hungario
1544 S-ro Field Chester, 302 Newman, Kroxville IL. 61448, Usono
1545 S-ro Tvaroẑek Eduard V., Hodẑova 1939/6, CS-91101 Trencin, Ĉeĥoslovakio
1546 S-ino Mahrovà Alzbeta-Elsa, Mytna strato 2F, 80loo Bratislava, Ĉeĥoslovakio
1547 S-ro Egg Eddie, Bergstrasse 17, CH-8280 Kreuzlingen, Svisujo
1548 S-ro Erki Laszlo, Thököly ut 32, Hatvan 3ooo, Hungario
1549 S-ro Rusai Laszlo, Hagyalja u. loo, Hatvan 3ooo, Hungarujo
155o F-ino Petiet Adriana, Essenstraat 24A, 2oll BX Haarlem, Nederlando
1551 F-ino Tircazes, 45 av. Beziou, F-6414o Billère, Francujo
1552 S-ino Peŝka Hristova Dobreva, Kom."Mladost" BL.81 V "5" AP. lol Sofia 1156, Bulgario
1553 S-ro Decobert, 45 av. Beziou F-6414o Billère, Francujo
1555 S-ro Alonso Lucas Villegas, Doctor Areiza N:54-4 Bilbao, Hispanio
1556 S-ino Nell Dorothea, 388 Dorchester road, 196lo Rochester NY,Usono
1557 S-ro Könczöl Ernö, Söhàz u. 13, 3300 Eger, Hungario
1558 F-ino Korzistka Maria, Szövetkezet ut 1/3 , 3000 Hatvan, Hungario
1559 S-ino Igna'czy Maria, Hatvan, Nagy s. u. 7, 3ooo, Hungario
156o S-ro Zakar Ferenc, Mav. Allomas Nagykörös, H.275o, Hungario

1561 S-ro Nagy Janos, Kecskemet, Deveny ut 3, H 6ooo, Hungario
1562 S-ro Pinter Matyas, Kecskemet , Buzakalasz u 3. H-6ooo, Hungario
1563 S-ino Nyul Ilona, Kecskemet, Kossuth Krt 36-38 H-6ooo, Hungario
1564 S-ro Kiliti Andras, Kecskemet, Benke Jozsef u 3, H 6ooo, Hungario
1565 S-ro Zakar Ymre, Mav Allomas, Nagykörös H 275o, Hungario
1566 S-ino Kiliti Andrasne, Kesckemet, Benke Jozsef u.3 H.6ooo,Hungario
1567 S-ino Pinter Matyasne, Kecskemet, Buzakalasz u 3. H 6ooo, Hungario
1568 S-ro Vincze Ferdinand, Ràkoczi u. 28/1 II.12, Sirok, Hungario
1570 S-ro d-ro Toth Bertalan, Ananasz utca 37, H-1172, Budapest, Hungario
1571 S-ro Kobor Ludoviko, H-9365 De'nesfa, Hungario
1572 F-ino Farkas Maria, Hunyadi u 22 fsz. 3. Mako, H-69oo, Hungario
1573 S-ro Rabenstein Heinrich, Rombergstr. 29, 623o Ffm 8o, FRG
1574 S-ro Apostolov Stojan Välev, C.Kirilovo St.Zagorski, 6o64, Bulgario
1575 S-ro Lafargue Henri André, 6, allée Cassard, 44ooo Nantes, Francujo
1576 S-ino Czyẑ Ella, Warszawa, Pollando
1577 S-ino Karajan Markrid Apisohom, Kompleks ĉatka Blok 13, vhod G, ap.8 et I, 9oo5 Varna, Bulgario
1578 S-ro Werner MD, 17o5o Northrup way, H 19, Bellevue Washington, 98oo8 Usono
1579 Steele Philipp John, Manor Hospital, Walsall WS 298S, Anglujo
1580 S-ro Bellebono Francesco, Via ospedale 75, 24050 Cividate al Piano B 6, Italujo
1581 S-ino Jimenez Gonzalez Miarixa, Alda Mazarreno 49, Bilbao, Hispanio
1582 S-ro Pilloud Betrand, Av. d'Epenex 1o, 1o24 Ecublens, Svislando
1583 S-ro Dvorszyk Laszlo , Eger Foglar V 6 H-3301, Hungario
1584 S-ro d-ro Szénási Sándor, Eger Foglar V 6, H-33o1, Hungario
1585 S-ro Toczyski Jozef, Gdansk 1 skr. pocrt, 57-8o-958, Pollando
1586 S-ro Vidal Pineda Pascal, C/Maria Menoz 8-4, Bilbao, Hispanujo
1587 S-ino Diez Marina Garcia, c/ Maria Menoz 1-4, Bilbao, Hispanujo
1588 S-ro Tesaȓ Jozef, 8o1oo Bratislava, Mytna strato 39, Ĉeñoslovakio

A S T E R I K S   L A   G A Û L O

... ankoraŭ ne aliĝis al la
kongreso, sed tamen li lernis
Esperanton.

Ĵus aperis ....

aĉetu ĉe la libroservo

ASTERIKS LA GAŬLO





# 64-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




# Kongresa Kuriero 3




lundo, la 30-a de julio 1979

## INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO
********************************

Dimanĉe la Internacia Somera Universitato estis inaŭgurita. La rektoro de ISU bonvenigis la 100 partoprenantojn kaj prezentis la ĉi-jaran programon de ISU. Bedaŭrinde, pro la neĉeesto de Ignat Florian Bociort, Rumanio, li ankaŭ devis anonci jenajn ŝanĝojn en la programo de ISU:

Lundon, de la 13h15 ĝis la 14h15 ne okazos la prelego de s-ro Bociort, sed prelego de

Prof. Helmar Frank pri

"La influo de la internacia lingvo al la lerneja sukceso"

Tiu prelego de prof. Frank estis antaŭvidita por vendredo, la 3-a de aŭgusto je la 12h15. Anstataŭ ĝi prelegos

Prof. Mogamed Isaev, Soveta Unio pri

"Nacilingvaj problemoj en multnacia Sovetunio kaj Esperanto"

## SALONO HODLER
*************

Multaj homoj havis malfacilaĵojn trovi la salonon Hodler. Se vi eniras la salonon tra la ĉefa enirejo, vi vidas en la maldekstra angulo spiralan ŝtuparon, kiu kondukas vin al tiu salono.

## ORGANIZO DE AMERIKAJ ŜTATOJ
**************************

Lunde, je la 18h30, okazos en salono Saussure la kunveno de la Organizo de Amerikaj Ŝtatoj. Ĉiu kongresano estas kore invitata veni, loĝantoj de amerikaj ŝtatoj eĉ estas forte petataj veni al tiu kunsido.

Daŭrigo de la adresaro de la kongrespartoprenantoj:
(n-ro 1589 ĝis 1624)

1589 Eva Farkas-Tatár, Dóhány u 36, H-1077 Budapest, Hungario
1590 S-ro Girolamo Lucchetta, I-31050 Monaster (TV), Italio
1591 S-ino Anna Satta, I-08028 Corosei (Nuoro), Italio
1592 S-ino Mariangela Satta, I-08028 Corosei (Nuoro), Italio
1593 S-ro William Bolton, 4136 N Thesta, Fresno California 93726, Usono
1594 S-ino Laura Guglielminetti nata Buccetti, Viale XXV Aprile 151, I-10133 Torino, Italio
1595 Lorcán ÓhUiginn, Poŝtkesto 801, stacio B, Ottawa (Ontario), K1P 5P9, Kanado (S-ro)
1596 F-lo Janko Luin, Myggdalsvägen 123, S-13542 Tyresö, Svedio
1597 Prof. Attilio Zambon, via J. Nani 18, I-30126 Lido Venezia, Italio
1598 Czestawa Ostapska, Pollando
1599 S-ro Yves Lebeau, Avenue des Pâquis, CH-1110 Morges (VD), Svislando
1600 S-ro Tacconi Pier Marcelo, v.Crispi 21, Modena, Italio
1601 S-ro Mark Kevin Taylor, 25 Wellcroft Close, Welwyn Garden, City, Herts, AL7 3JZ, Anglio, Britio
1602 S-ro Jean Sorel, 4720 Rue Messier, Montreal Que, H2H 2J1, Kanado
1603 S-ro Giorgio Grilli, Via Podgora 12, I-41037 Miranclola, Italio
1604 S-ro Neven Kovačič, Vankina 18/2, YU-41020 Zagreb, Jugoslavio
1605 S-ro Boris Kolker, abonkesto 162, SU-450025 Ufa, Sovet-Unio
1606 S-ro Jaan Ojalo, Narva Mnt. 23-5, SU-200001 Tallinn-1, Sovet-Unio
1607 S-ro Jānis Rukšāns, p.k. 441, SU-226098 Riga-C, Soveta Unio-Latvio
1608 S-ro Gurgeno Sevak, Armenio, Sovet-Unio
1609 S-ro Powlas Jegowras, ul/la 167, SU-233000 Kaunas-C, Letova SSR, Sovet-Unio
1610 S-ino Ekaterina Majburova, str Dorĵenko 4a b 57, SU-252057 Kiero 57, Ukrainio, Sovet-Unio
1611 S-ro Aleĥandr Kočetkov, Kalinin 14 SSOD, Moskvo, Sovet-Unio
1612 S-ro Mogamed Izmailovič Isaev, Profsojuznaja 99-372,Moskvo, Sovet-Unio
1613 S-ro Nikolai Zubkov, Bajkalskaja ul., d.32, kr. 4, SU-107207 Moskva B-207, Sovet-Unio
1614 S-ro Ferdinand Eisen, Gagarini 12-1, SU-200001 Tallinn, Estonio, Sovet-Unio
1615 Susanis Aleksandrovna Mačkalova, Erewano Furmanova 38/15, Sovet-Unio
1616 Raja Sazkisovna Balajan, Erevano Ordĵonikielye 308/5, Soveta Unio
1617 S-ro Vasilij Grigorenko, Krasina 95 lo^16, SU-314028 Poltavo 28, Ukrainio, Sovet-Unio
1618 S-ino Lembe Laanest, Instituudi 16-8, SU-203051 Harku, Estonio, Sovet-Unio
1619 F-ino Ela Mielska, st. Poltavskaja 77/33, Poltavo 4, Ukrainio, Sovet-Unio
1620 S-ro Levan Toidze, Pavlova 18, Tbilisi-77, Kartvelio, Sovet-Unio
1621 Anatolo Bereza, Kalinina 14, Moskvo p-kt, Sovet-Unio
1622 Avetis Patatjan, str. Gastello 2, 15a-25, SU-375069 Erevan 69, Sovet-Unio

KVAKERA ESPERANTISTA SOCIETO
******************************

En la Kongresa Libro estas anoncite, ke mardon, la 31-an de julio, je la 10h15 prelegos Hans Kästli pri "Edmond Privat, esperantisto kaj kvakero".
Anstataŭ li prelegos Claude Gacond, kronikisto por Svisa Radio internacia, direktoro de Kultura Centro Esperantista, pri la temo

"Edmond Privat spirite daŭre vivas"

- la ĉefaj trajtoj de lia penso
- lia kvakerismo
- la fondumo "Gastejo Edmond Privat"

Prezidos la kunsidon Guy Tordoff.

JURISTOJ
********

"Ni ankoraŭ ne sukcesis pri la ĝusta formo de organizado.
Ni petas iun juriston-kongresanon transdoni nomon, kongres-numeron, hodiaŭ al Kongresano 1595 per mesaĝo ĉe la rendevua tabulo.
Se eble, okazos kunveneto iam dum la semajno, kaj oni povos en tiu kazo informi vin pri kunvenhoro ankaŭ pere de la rendevua tabulo."

Por la Trio Lorcân ÒhUiginn

TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO
****************************************

Mardon, la 31-an de julio je la 8h30 okazos la programero "TEJO sin prezentas". La ĉeestantaj estraranoj de TEJO koncize prezentos al vi la agadon de TEJO kaj poste atendas viajn demandojn, kritikojn, sugestojn, proponojn, laŭdojn, ktp.

La saman tagon posttagmeze, okazos la "Junulara debato", en la kuriero por mardo aperos detalaj informoj pri tiu ĉi debato.

LIBROSERVO
**********

Gaston Waringhien kaj Teo Jung aŭtografos siajn verkojn.

Marde, ekde la 11-a horo, Gaston Waringhien aŭtografos sian tradukon "La trofeoj".

Ĵaŭde, ekde la 10-a horo, Teo Jung aŭtografos sian bibliografion.

Tio okazas ĉe la libroservo apud la granda salono.

MENDOJ por la bankedo kaj la ekskursoj estas aĉeteblaj ĝis
****** lundo je la 17-a horo. Se vi intencas partopreni en urbrondveturado aŭ en la ekskurso al "Pilatus", baldaŭ mendu viajn biletojn, ĉar ili estas elĉerpiĝantaj.
Estas ankoraŭ haveblaj kelkaj biletoj por la teatra prezentaĵo "amo" okazonta lunde je la 16h30 kaj 20h30.

^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^

teksto skribita per globkapa skribmaŝino IBM, modelo 82C.

1623 S-ino Zlata Zacho, Rodovrevej 215,DK-2610 Rodovre, Danlando
1624 S-ro Erich Bull, Hegelring 15, D-5650 Solingen, FR Germanio

Mankas ankaŭ al vi numero 1493, kiu ne estis menciita en la Kongresa Kuriero n-ro 1.

1493 S-ino Anna Ĥaragezova, Ljuben Karavelov 15, BG-9000 Varna, Bulgario

La listo estos daŭrigita, se aliĝos ankoraŭ personoj al ĉi tiu Kongreso.

## I N F O R M O  P O R  J U N U L O J

En Austerlitz, dum la 35-a Internacia Junulara Kongreso, aperis la unua bulteno pri la IJK en la sekvonta jaro. Tiu 36-a IJK okazos de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 1980 en Rauma (prononcu Raŭma) en sudokcidenta Finnlando.
Se oni alvenas al Finnlando ŝipe de Svedio, oni rimarkos multaj rokajn insulojn en la maro. Iom post iom la rokoj fariĝas pli grandaj kaj fariĝas verda insularo. Tiam oni atingas la havenurbon Turku, de kie kondukas buso al la urbeto Rauma, kiu havas ĉirkaŭ 30000 loĝantojn.

Por ke la kongresanoj de la IJK povu trankvile vojaĝi al Stokholmo, kie okazos la 65-a Universala Kongreso de Esperanto, la IJK finiĝos matene, la 1-an de aŭgusto kaj estas sufiĉe da tempo vojaĝis trans la maro al Stokholmo, kie la UK komenciĝos la 2-an de aŭgusto 1980.

Pli detalajn informojn donos al vi la LKK de la 36-a IJK - adreso:

36a IJK, Anundilankatu 3, SF-26100 Rauma 10, Finnlando



# 64-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




# Kongresa Kuriero 4




mardo, la 31-a de julio 1979

Ĉar morgaŭ estas la ekskursa tago, ĉi tiu kuriero validas por mardo kaj merkredo.
Se vi partoprenas en ekskurso, nepre legu la lastan paĝon de tiu ĉi Kongresa Kuriero.

---

## A L V O K O

Certe vi jam aŭdis pri "Eŭropa Cantat", kiu estas grandega kantfestivalo okazanta nuntempe ankaŭ en Lucerno.
En ĝi renkontiĝas miloj da homoj, plejparte junuloj, por komune kanti kaj renkonti aliajn homojn. Sed se oni volas esti en amika rondo oni ankaŭ devas kompreni unu la alian kaj por tio estas bezonata lingvo.
Dimanĉon vespere ni havis komunan aranĝajon kun "Eŭropa Cantat" kaj post tiu programo kelkaj junuloj restis tie por ekhavi kontaktojn kun la junuloj de "Eŭropa Cantat".
Ili estis tre interesitaj pri Esperanto, plejparte ankoraŭ neniam aŭdis pri ĝi, sed tiu konstatis la taŭgecon kaj eblecon rapide kaj facile lerni ĝin. Al kelkaj junuloj ni donis liston da adresoj, por ke ili en iliaj hejmlandoj kontaktiĝu kun la lokaj esperantistoj.
Sed laŭ mia opinio nun estus bona ŝanco varbi novajn esperantistojn. Temas ja pri junuloj, kiuj en tiu ĉi momento spertas la lingvan problemon kaj sekve aparte interesiĝas pri solvo de tiu problemo. Tial mi proponas ion entrepreni.
Sed kiel ofte en Esperantujo - ĉefa problemo ne estas la ideo, sed trovi iun, kiu kunordigas tiun laboron.

Ni devus
- verki plurlingvajn flugfoliojn
- disdoni la flugfoliojn post aŭ antaŭ iliaj vesperaj kantadoj kaj paroli kun ili
- liveri al ili adresojn de funkciantaj informservoj en iliaj landoj

Kompreneble oni povas ankoraŭ multon alian fari, ekzemple simple vendi lernolibrojn ktp.
Se iu emas entrepreni ion ĉi-rilate, metu sciigon al la Rendevua Tabulo por Thomas Bormann, kongresnumero 105 kaj ni povos priparoli la pluajn paŝojn de tiu varbkampanjo.

Kongresa Kuriero: redaktas Thomas Bormann, kongresano 105
Teksto skribita per globkapa skribmaŝino IBM, modelo 82 C

KONCERTO DANIELLE BEGUIN
*************************

Danielle Beguin ludos pli frue ol anoncite, nome je la 12-a horo anstataŭ la 14h45, en la granda halo Zamenhof. Ĉi tiun ŝovon necesigis la granda publika intereso pri tiu koncerto, por kiu salono Cseh antaŭvideble estos tro malgranda.

SALONO CSEH
***********

Ekde hodiaŭ la salono Cseh estas enirebla nur de la norda flanko, tra koridoro, kiel montrite en la Kongresa Libro sur paĝo 83. Rigardu tiun paĝon ankaŭ, se vi serĉas aliajn salonojn, ekzemple Saussure kaj Forel, kiuj troviĝas en la kelo de la konstruaĵo.

JUNULARA DEBATO
***************

Ankaŭ en tiu ĉi kongreso TEJO aranĝas debaton, kies temo estas, "ke post dek jaroj Esperanto jam estos iugrada laborlingvo de UN".
La temo estos debatita en du teamoj, sed ankaŭ estos la ebleco por la spektantoj partopreni en la diskuto.
Kandidatoj por la teamoj estas: Giorgio Silfer, Ulrich Lins, Zltko Tiŝljar, Michaela Lipari, Stefan MacGill, Georgo Winkler, Mauro Nervi. Gvidos Bruĉjo Kasini. Do, vi konstatas, ke certe estos tre vigla debato.
Venu je la 15-a horo al salono Hodler-Privat.

KOMITATO
********

Atentu komitatanoj - ĵaŭdon vi devos ellitiĝi duonan horon pli frue, ĉar la kunsido jam komenciĝos je la 8-a horo kaj ĝi daŭros ĝis la 12-a horo.

FOTOEKSPOZICIO
**************

Kadre de la Belartaj Konkursoj okazos fotoekspozicioj de la konkursantaj fotoj. Ili estos ekspoziciitaj malantaŭ la giĉetoj "ekskursoj" ktp.

ESPERANTO-TELERO
****************

Tio okazas ofte dum la UK: Oni ne havas multan tempon, sed tamen la stomako deziras sian adekvatan porcion. Ĝi povas ricevi ĝin kontraŭ 9,50 svisaj frankoj en la restoracio en la kongresdomo. Se oni mendas tiun Esperanto-teleron, oni estas tuj servata. La Esperanto-telero samtempe estas la unua menciita menuo sur la germanlingva menukarto tie.

MONO
****

Se vi devas ankoraŭ ŝanĝi monon - en la kongresejo vi povas fari tion. La du oficistoj speciale por la UK lernis Esperanton por servi al vi. La banko en la akcepteja halo estas malfermita de la 8h30 ĝis 12-a horo kaj denove de la 14-a ĝis la 17-a horo.

GEOLOGOJ
********

Geofizikistoj kaj aliaj fakuloj kaj studentoj okupiĝantaj pri terscienco, bonvolu anonci sin ĉe la rendevua tabulo per mesaĝo al kongresano 1539. Tio nepras por la plifortigo de la kunlaboro inter samfakuloj en tiu ĉi kampo.

... Venis ankoraŭ grava salutvorto, nome de Asteriks el fora Gaŭlujo...



Estimatiks,

Asteriks kore salutas la kongreson en Helvetio. - Esperanto kaj Asteriks ja havas ion komunan: Ni ambaŭ batalas kontraŭ grand-potencoj: Asteriks kontraŭ la Romia Imperio, Esperanto kontraŭ la Angla Lingvo.
Sed: Kiu konas Asteriks, tiu scias, kiu venkos!!!

Legu la novan Asteriks-libron en Esperanto. "Asteriks la Gaŭlo".
Iru al la Libroservo.

Subskribis la aferŝarĝito
de "Asteriks la Gaŭlo"

Hermann Behrmann, Paderborn,
romia provinco Ĝermanio

LIBROJ
******

Aperis jam la libro anticipita en la Kongresa Libro de Leo Tolstoj, verkita en Esperanto-originalo de Victor Lebrun. Vi trovos en ĝi efektivan abundecon da riĉaj pensoj kaj valoraj informoj el la vivo de la geniulo. Lina Gabrielli - la eldoninto - subskribas la libron apud la kongresa stando. Bonan legadon.

Ĵus aperis: GVIDILO POR KONTAKTO KUN BLINDULOJ
Zamenhof konscis, kie necesas helpo. Ankaŭ ni ne bezonas heziti helpi blindulojn aŭ malbone vidantojn. Ĵus la Grafika Centro de UEA en Antverpeno liveris ĉirkaŭ 300 ekzemplerojn de komuna traduko farita de Amsterdamaj Esperanto-studentoj kaj la unua tradukinto, J. Koning, kiu tuj cedis la eldonrajton. "Ne tiel, sed ĉi tiel, simplaj sugestoj por agrabla kontakto kun blinduloj" (aŭtoro Herman van Dyck, mem militblindulo) havas komikajn bildojn kaj simplan lingvaĵon. Vendas ĝin la libroservo de UEA je malpli ol la kostoprezo: 2,30 sfr.
(Por komencantoj estas senkoste havebla listo kun la neoficialaj vortoj kun klarigo.)

STOKHOLMO
*********

Riceveblas la una bulteno de la 65-a Universala Kongreso okazonto en Stokholmo de la 2-a ĝis 9-a de aŭgusto 1980. Vi ankaŭ povas tuj aliĝi kaj aĉeti belan T-ĉemizon, kiu portas la kongresinsignon.



malgranda peto:
F-ino Stella de Caspary (Norvegio) serĉas esperantiston en Parizo, ĉe kiu ŝi povus tranokti de la 11-a ĝis la 12-a de aŭgusto.
Se vi povas helpi al ŝi, iru al la rendevua tabulo kaj informu ŝin.
La kongresnumero: 201

# Ekskursoj

La ekskursoj estas tre bone partoprenataj. Fakte ĉiuj biletoj estis venditaj.

*** Tre grava estas por vi, esti absolute preciza, ĉar
*** la indikitaj horoj estas absolute striktaj, ĉar temas
*** pri publikaj trafikiloj, kiuj en Svislando bone funkcias.

La ekskursojn A1 kaj A2 partoprenis kaj partoprenos ĉiu-tage ĉirkaŭ 100 homoj.
La ekskurson B1 al Rigi partoprenos 250 esperantistoj, tiun al Titlis 200 kongresanoj, al Lugano vojaĝos 200 homoj, kaj al Bern 120 personoj.

*** La ekskursantoj nepre havigu al si la precizan programon
*** de la respektiva ekskurso por esti informita pri la
*** forirhoroj.
*** Tiuj programoj estas haveblaj ĉe la giĉeto "ekskursoj".

Jen kelkaj koncizaj avertoj pri la forirtempo:

| | |
|---|---|
| Ekskurso B 1 al Rigi: | Estu je la 8h20 ĉe la ŝiphaltejo Luzern, albordiĝejo 2). |
| Ekskurso B 2 al Titlis: | Estu je la 8h22 en la stacidomo de Luzern, trako 15. |
| Ekskurso B 3 al Lugano: | Estu je la 8h12 en la stacidomo de Luzern, trako 7. |
| Ekskurso B 4 al Bern: | Estu je la 8h09 en la stacidomo de Luzern, trako 16. |

La menciita programo donas al vi ankaŭ informojn pri la gravaj reveturtempoj de la trajnoj aŭ ŝipo.

Tiuj, kiuj partoprenos en la ekskurso al La Chaux-de-Fonds, bonvolu esti je la 8h10 en la siacidomo de Luzern ĉe la trako 10.

Mi deziras al vi plezuran ekskursan tagon!

BANKEDO
*******
Se vi mendis lokon en la bankedo mi sciigas al vi, ke entute 430 homoj faris tion.
Ĝi okazos merkredon je la 19-a horo en la salonego Zamenhof-Silbernik.

GAZETARA SERVO
**************
Pro manko de laborfortoj dum tiu ĉi kongreso ne aperos la Esperant-lingva eldono de Gazetara Servo, kiu informas pri ĉiuj okazintaĵoj dum la Kongreso.
La respondeculoj prave konsideris pli grava la eldonon de germanlingva bulteno, kiun povas utiligi la gazetaro en la gastiganta lando. Cetere, la eĥo ja ankaŭ estas sufiĉe granda.

La venonta Kongresa Kuriero aperos ĵaŭdon, la 2-an de aŭgusto.

# 64-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




# Kongresa Kuriero 5




ĵaŭdo, la 2-a de aŭgusto 1979

Karaj kongresanoj,

mi esperas, ke vi havis agrablan ekskurson kaj ke vi ĝuis la solenaĵojn okaze de la nacia festotago. Komentis juna kongresano:"Kiam ni kongresas ĉi tie, tuta Svislando festas."

VARBKAMPANJO
*************

Ĉu vi memoras la alvokon en la Kuriero n-ro 4 ???
Fakte sukcesis la plano. Ni sukcesis verki ses-lingvan flugfolion en la germana, franca, angla, japana, hispana, kaj serbokroata lingvoj. Ĝi krome enhavas 42 kontaktadresojn en la tuta mondo, por ke la junaj partoprenantoj de "Eŭropa Cantat" povu hejme informiĝi ĉe la respektivaj asocioj.
La flugfolioj estos distribuotaj al la junuloj antaŭ la festohalo dum ĵaudo kaj vendredo vespere. Nepre estas bezonataj kelkaj helpantoj. Venu ĵaŭdon je la 15-a horo al la giĉeto "informoj", se vi emas kunagadi.

PROGRAMŜANĜOJ
*************

- Komitato de UEA: 8h00-12h00 en salono Hodler-Privat
- ISU Hans Joachim Plehn "La tuteŭropa patento kaj la lingva problemo"
  12h30 - 13h30 en salono Privat.
- Parlamenta Agado - publika kunsido:
  12h30 - 14h00 en salono Hodler
- Esperantologio - François Lo Jacomo "Kiel difini la lingvon Esperanto en la statuto de UEA?"
  13h00 - 14h30 en salono Silbernik
- Delegita Reto ..........13h15 - 15h15 en salono Stettler-Scherer
- Renkontiĝo kun estraranoj de UEA - Humphrey Tonkin kaj Gregoire Maertens
  14h00 - 15h30 en Restoracio Frohburg*
- Universala Medicina Esperanto-Asocio:
  16h00 - 18h00 en Restoracio Frohburg*

* Restoracio Frohburg estas malantaŭ (sude) de la kongresdomo.

BELARTAJ KONKURSOJ
*******************

Jen la rezultoj de la Belartaj Konkursoj 1979:

POEZIO
Unua premio: Eva Tŏfalvi (Hungario) por "Omaĝe al Blaise Cendras"
Dua premio: Albert Goodheir (Skotlando) por "Odo al Delfoj"
Tria premio: Mauro Nervi (Italio) por "Laŭ simpla tono"
Honoraj Mencioj: Rejna de Jong (Nederlando)por "Nekompreno"
kaj Xu Daorong (Ĉinio) por "Ĉina, ĉina ..."

PROZO
Unua premio ne aljuĝita
Dua premio: Mauro Nervi (Italio) por "La tago kaj la nokto"
Tria premio: V.A. Glazunov (Sovet-unio) por "Bes Kunak"

TEATRAĴO
Unua premio ne aljuĝita
Dua premio: Bernhard Golden (Hungario) por "Pureco de sango"
Tria premio egale al
Stefan MacGill (Nederlando) por "La psikologo sukcesas"
Vesna Skaljer-Race por "En policejo"

ESEO
Premio Luigi Minnaja: Bernhard Golden (Hungario) por "La sŭahila lingvo kaj Esperanto"
Honora Mencio: Xu Daorong (Ĉinio) por "Kiom da ĉina en Esperanto?"

PORINFANA LITERATURO (omaĝe al la Jaro de la Infano)
Unua premio: Zora Heide (Svedio) por "La granda boleto"
Dua premio: W.M. de Smit (Nederlando) por "Dolĉi Grum"
Tria premio: Nevena Nedelĉeva (Bulgario) por "Du leteroj"
Honora Mencio: Stefan MacGill (Nederlando) por "La oficeja ĝangalo"

NOVA TALENTO (Pokalo Harabaĝiu)
Rajna A. Konstantinova (Bulgario) por la porinfana verko "Promeno en la infanecon"

FOTOGRAFIO
Unua premio: Lydia Vulliamy (Anglio) por "Nebuleta rivero"
Dua premio: Stefan MacGill (Nederlando) por "Tro por etulo"
Tria premio: Jŏvan oŝap por "Feliĉa infaneco"
Honora Mencio: Jŏvan Oŝap por "Esperantisto" kaj "Patra perspektivo"

Gratulon al ĉiuj premiitoj!

La fotojn vi povas rigardi malantaŭ la giĉetoj "ekskursoj" ktp.

Cetere, konkursis entute 176 verkoj: poezio 48, prozo 23, teatraĵo 5, eseo 8, porinfana literaturo 39, fotografio 53.

OOMOTO
******
Kio estas Oomoto? Respondon vi povas ricevi en salono Cseh, ĵaŭdon je la 14h15 ĝis la 15h45.

* DISTRIBUO DE DOKUMENTOJ
* ************************
* Pri la distribuado de dokumentoj en la
* Kongresaj Ejoj la Estraro atentigas, ke
* estas strikte malpermesite distribui aŭ
* alimaniere havigi al kongresanoj en kon-
* gresaj ejoj dokumentojn sen anticipa
* permeso de la organizantoj de la Kongreso.
* Tiu regulo ekzistas ĉefe por malhelpi,
* ke la neŭtraleco de la Asocio estu
* kompromita.

BRAZILIO
********
Certe ĉiu jam scias, ke Brazilio, la ĉefurbo de Brazilo, gastigos nin en 1981 dum la 66-a Universala Kongreso de Esperanto.
Sed ĉu vi ankaŭ jam scias, ke ĉi tie jam eblas aliĝi favorpreze al tiu UK? ... iru al la giĉeto "venontaj kongresoj".

AGADO ĈE UN
***********
De la 16-a ĝis la 17-a horo prelegos magistro Sylla Chaves, prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, pri la lingva problemo ĉe UN kaj Unesko. Li estas tre kompetenta en tiu kampo, ĉar li mem estis tradukisto por UN kaj Unesko. Do, iru je la 16-a horo al salono Hodler.

REGIONA AGADO
*************
De la 12h30 ĝis la 14h00 okazos publika kunsido pri regiona agado en salono Cseh. Enkonduke prelegos s-ro Tibor Sekelj pri

"La Tria Mondo - ĉu ŝanco por Esperanto?"

Certe sekvos interesa diskuto. Mi proponas ankaŭ trakti la demandon: "Esperanto - ĉu ŝanco por la Tria Mondo?"

POR KONTROLI ...
****************
... ĉu vi ĉiuj legas la Kongresan Kurieron, mi publikigis en la numero 4, ke la bankedo okazas merkrede, kvankam ĝi ja okazis marde. Kaj fakte alparolis min kontentiga amaso da homoj, kiuj rimarkis tiun eraron. Por ke nun ne kelkaj mendintoj de la bankedo maltrafu ĝin, mi ornamis la kongresejon per diversaj afiŝoj, kiuj korektis tiun eraron kaj mi esperas, ke neniu venis merkrede al malplena salono Zamenhof. Se tio tamen okazis al iu, li aŭ ŝi venu al mi por akcepti pecon da ĉokolado.

INFANA KONGRESETO
******************

Ĵaŭdon posttagmeze vi povos viziti la infanan kongreseton!
Venu al la hotelo "Waldstätter Hof"; ĝi estas sur la mapo
en Kongresa Libro, paĝo 88, aliflanke de la Stacidomo.

ISU
***

Vendredon je la 12h15 okazos prelego de

Prof. Mogamed Isaev, Soveta Unio, pri

"Nacilingvaj problemoj
en multnacia Sovetunio kaj Esperanto"

Venu al salono Privat por aŭskulti tiun prelegon!

RENDEVUOJ KAJ PERDOJ
*********************

Rigardu ĉe la Rendevua Tabulo, ĉu estas mesaĝo por vi.
Se vi trovas iun objekton, bonvolu porti ĝin al la giĉeto
apud la Rendevua Tabulo. Tie ankaŭ estas viaj perditaj
objektoj - almenaŭ esperable.

SWISSAIR
********

Swissair aperis ofte sur la malantaŭa kovrilo de revuo
esperanto. Ĝi ankaŭ estas la oficiala flugkompanio de tiu
ĉi UK.
En viaj dokumentoj por kongresanoj ankaŭ troviĝas enketilo de
Swissair. Bonvolu plenigi ĝin kaj redoni ĝin al la giĉeto
"informoj". Tio helpos la komercajn rilatojn inter UK
kaj flugliniojn en la estonteco.

FILMPREZENTO
************

- filmo de Tibor Sekelj: "Travivaĵoj el 5 kontinentoj" (lumbildoj)
- filmo pri la 63-a UK en Varna pasintjare.
Venu je la 10-a horo al salono al salono Zamenhof.

LIBROJ - ELDONAĴOJ
*******************

Ĵus aperis: SCIENCAJ KOMUNIKAĴOJ, scienca aldono de la Budapeŝta
Informilo, eldonita pere de la Hungara Esperanto-Asocio
(pk 193, 1368 Budapest). Kelkajn titolojn el SK: Naturscienca
kaj teknika aplikado de Esperanto, Subakva Arkeologio,
Malsanoj de Infanaĝo, Psikologio en Infansanitara centro,
Akvomastrumado, ktp ktp.
SK estas aĉetebla ĉe la Kongresa Libroservo.





teksto skribita per globkapa IB'-skribmaŝino modelo 82 C
redaktado de Kongresa Kuriero: Thomas Bormann, n-ro 105

# 64-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




# Kongresa Kuriero 6




vendredo, la 3-a de aŭgusto 1979

La eĥo en la gazetaro pri nia kongreso estas sufiĉe bona. Montriĝis, ke oni tre efike povas varbi per la fakto, ke eldoniĝis "Asteriks la Gaŭlo" (aĉetebla ĉe la libroservo). En "Luzerner Neueste Nachrichten" aperis eĉ kolora represo de du bildoj el tiu Asteriks-volumo. Kiel vi povas konstati en la apuda artikolo el la rekonita germana "Die Welt", eĉ tiaj grandaj gazetoj raportas pri la similaj celoj de Asteriks kaj la esperantistoj: la gaŭla heroo kontraŭbatalas la Romian Imperion kaj la esperantistoj la lingvan kaoson.

**Asteriks la Gaulo**

**Luzern** (AFP) — Unter dem Namen „Asteriks la Gaulo" geht der tapfere Gallier Asterix nunmehr auch in die Welt des Esperanto ein. Ein in Luzern tagender Esperanto-Kongreß stellte zwischen dem gallischen Helden und dem Esperanto eine gewisse Ähnlichkeit fest: beide bekampften eine Super-Macht — der eine das römische Imperium, der andere den Sprachenwirrwarr.

La Lucernaj gazetoj raportas preskaŭ ĉiutage pri la kongreso, sed ankaŭ aliaj svisaj ĵurnaloj detale raportas pri ĝi, kiel ekzemple la franclingva gazeto "24 heurs" kiu aperas en Lausanne. Ĉi-maldekstre parto de tiu artikolo.

Le temps d'un congrès

**On parle espéranto à Lucerne**

**Après une rencontre amicale samedi soir, le 64e Congrès mondial de l'esperanto s'est ouvert officiellement dimanche à Lucerne. Le chef du Département lucernois de l'éducation, qui transmit les salutations du président de la Confédération, et le maire de Lucerne, M. Matthias Luchsinger, représentaient les autorités helvétiques.**

**********************************************************************

| DEUTSCH | FRANÇAIS | ENGLISH | 日本語 | ESPAÑOL | SRPSKOHRVATSKI |
|---|---|---|---|---|---|
| Liebe Freunde | Chers amis | Dear Friends | 親愛なる友人達 | Queridos amigos | Dragi prijatelji |

Jen la alparoloj en nia plurlingva varbilo por la membroj de Eŭropa Cantat.
Kelkaj junuloj verkis la tekston (duonpaĝa) kaj s-ro Lutz, la kongresa presisto, presis ĝin en 2000 ekzempleroj.
Ni planas distribui ilin vendrede inter la 7-a kaj 8-a horo vespere antaŭ la festohalo Allmend, kie la junuloj de Eŭropa Cantat havos koncerton. La distribuantoj renkontiĝos je la 7-a horo vespere ĉe la giĉeto "informoj" por ekiri al la festohalo. Ĝis la komenco de la internacia arta vespero ni certe estos revenintaj.



# STOKHOLMO



**65a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**
de la 2a ĝis la 9a de aŭgusto 1980, en Stokholmo, Svedujo

Konstanta adreso: Universala Kongreso de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176,
3015 BJ Rotterdam, Nederlando
Poŝtĉekkonto de la Kongreso: n-ro 627337 (nederlanda) aŭ
Banko de la Kongreso: Amsterdam-Rotterdam Bank, Rotterdam, n-ro 42.69.01.444.

La salono Cseh estis tiom plena ĵaŭdon matene, ke ne plu povis eniri pluaj interesitoj pri la venontjara Universala Kongreso en Stokholmo, la ĉefurbo de Svedio. Sekve hodiaŭ, vendrede, je la 10-a horo en la salono Zamenhof dum la filmprezento vi ankaŭ ricevos informojn pri la 65-a UK kaj ĝia gastiganta urbo.

FILMPREZENTO
*************

Je la 10-a horo en salono Zamenhof:

- filmo pri la 63-a Universala Kongreso 1978 en Varna
- lumbildoj de Tibor Sekelj el 5 kontinentoj
- informoj pri la 65-a Universala Kongreso 1980 kun bildoj

NOVA PERANTO
*************

FR Germanoj, kiuj aliĝas al la Universalaj Kongresoj per oficiala peranto notu, ke transprenis tiun oficon la ĝenerala sekretario de Germana Esperanto-Asocio, s-ro Richard Hirsch, Lambertstr. 12, D-6430 Bad Hersfeld.

BONVOLU PRIATENTI
§§§§§§§§§§§§§§§§

En la hieraŭa Kuriero aperis anonco pri la fakto, ke oni ne rajtas distribui dokumentojn en la kongresaj ejoj sen la eksplicita permeso de la kongresaj organizantoj. Ĉar oni atentigis la Estraron, ke kelkaj kongresanoj momente ne obeas tiun regulon, ni insiste ripetas tiun peton.

VIRINA AGADO
*************

Vendrede de la 18-a ĝis la 19-a horo prelegos s-ino Claude Nourmont-Moon pri "La virino en la okcidento mezepoko". Vi povos aŭskulti tiun prelegon kaj starigi viajn demandojn en salono Hodler.

ARKIVO DE GAZETARTIKOLOJ
*************************

Se vi venos hejmen, bonvolu trarigardi viajn gazetojn, ĉu novaĵo pri la UK atingis ilin. Se jes bonvolu sendi foto-kopiojn al la Gazetara Servo, nome al:
D-ro Arthur Baur, Kurlistr. 20, CH-8404 Winterthur
S-ino Elsbeth Bormann, Schärstr. 26, D-2050 Hamburg 80

NOVAJ ALIĜOJ
************

1625 ***
1626 S-ino Lucette Hegron, 22 Ch du Mas Blanc, F-34400 Lumel, Francio
1627 S-ino Tercinod, Francio
1628 S-ro Christopher David Fettes, St Columba's College, Rathfarnham, Dublin 16, Irlando
1629 S-ino Chiavra Dragoni, Via Pastrengo, N°1bis, Torino, Italio
1630 S-ro Farkaŝ, Dohany u 36, 1077 Budapest VII, Hungario
1631 S-ro Hans B. Welling, Holzwiese 9, D-7744 Koenigsfeld, FR Germanio
1632 F-ino Fari Mizban, 440 Davis Ct. H 1616, San Francisco, California, Usono
1633 F-ino Beatrice Angioline Marinaro, Via G. Leopardi 21, Brescia, Italio
1634 F-ino Ermelinda Bordogna, Via G. Bruni 1, I-25100 Brescia, Italio
1635 F-ino Vera Tautorat, Falkstr 25, D-1000 Berlin 44, FR Germanio

******************************************************************

10 %
%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%%

Se vi volas ankoraŭ aĉeti ion ..., ... la apudkongreseja grandmagazeno okaze de varbkampanjo donas 10 elcentojn da rabato al ĉiu aĉetita varo tie. Eble aĉetu viajn manĝaĵojn por la hejmen-vojaĝo tie, sed ne elspezu vian tutan monon. Prefere vizitu la libroservon, ĉar se vi aĉetas ĉi tie, vi ŝparas la sendokostojn.



PILATUS
*******

Hodiaŭ posttagmeze okazos la lasta kongresa ekskurso al la monto Pilatus (2132 m). Certe tiu loko estas vizitinda, sed la fervojo supren kostas ankaŭ iom. Se vi restos ankoraŭ en Lucerno, surgrimpu la monton!

MEMORU
******

ke la prelego hodiaŭa en kadro de Internacia Somera Universitato estas de

Prof. Mogamed Isaev el Sovetunio pri

"Nacilingvaj problemoj en multnacia Sovetunio kaj Esperanto."




Okaze de la Internacia Jaro de la Infano japanaj esperantistoj lanĉis kampanjon "Interŝanĝu bildlibrojn por Infanoj".
Pri detaloj turnu vin al Kawamura Itiro (kongresano 1093), Sinoda Mitunobu (kongresano 210) aŭ Nisimiya Sigekazu (kongresano 1197). Vi ankaŭ povas skribi leteron al

Esperanto-rondo en Ikeda ĉe f-ino Hayasi Sigemi, Satukigaoka 3-3-30-303, Ikeda-si, 563 Japanio

KOMITATO
********

Paralele al la internacia arta vespero okazos plua komitatkunsido por povi fini la ampleksan tagordon. Komitatanoj bonvolu veni je la 20h30 al la salono Hodler. Finiĝos tiu kunsido proksimume je la 22h30. Eble kontentigas vin, ke ja ankaŭ troviĝas arto en salono Hodler. Se la kunsido iam fariĝos tro teda, rigardu la bildon el kungluitaj tapiŝoj de la plej fama nuntempa svisa pentristo kaj grafikisto, Hans Erni, kiu estas Lucernano. La artaĵo pendas en salono Hodler.



Lucernano. La artaĵo pendas en salono Hodler

NOVA DISKO
**********

SONĜPOEMO PRI PONTO: kaj aliaj kantoj estas la titolo de ĵus eldonita grandformata disko.
La titolverko estas kanto, kiun dediĉis al Universala Esperanto-Asocio konata islando komponisto okaze de la UK en Rejkjaviko. Krome troviĝas sur la disko 11 aliaj kantoj, kelkaj koruse prezentitaj, kelkaj de solkantistoj. Ĉiuj tekstoj estas presitaj sur la koverto.
Eldonis: Islanda Esperanto-Asocio.

EŬROPA KLUBO
************

Eŭropa Klubo, kiu kelkajn tagojn antaŭ la 64-a UK fondis en Primošten (Jugoslavio) sian landan sekcion KROATIO, informas la kongresanojn, ke venontjare antaŭ la 65-a UK okazos en Primošten la duan fojon Someraj Internaciaj Universitataj Semajnoj (de la 12-a ĝis 25-a de julio 1980) en la kadro de la 20-jara jubileo de la komenco de la Esperantista Kampadejo kaj de la turismo en la intertempe mondfama banloko. Demandu la ĉeestantajn estraranojn de EK KROATIO: M. Firez (kongresano 886), J. Manojlovic (kongresano 199) kaj d-ro P. Zlatnar (kongresano 561). La du prelegvolumoj de la unuaj SIUS estas haveblaj ĉe la libroservo: Behrmann/Stimec, Klerigo kaj Prikalkulado, respektive Carlevaro/Lobin: Enkonduko en la Interlingvistikon. Ĝustatempe por la 64-a UK Eŭropa Klubo ankaŭ aperigis la pliriĉigitan Eŭropan Kalendaron 1980 (efika varbilo!) kaj reeldono de la Heroldo-vortaroj de Teo Jung (Germana-Esperanto kaj Esperanto-Germana) en unu volumo kun frazparadigmaro por komencantoj. Rigardu la novajn eldonojn en la libroservo!

Prof. Frank, Prezidanto de Eŭropa Klubo

# 64-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




# Kongresa Kuriero 7




sabatao, la 4-a de aŭgusto 1979

Nun ĝi finiĝas,
la 64-a Universala Kongreso de Esperanto. 184 programeroj estis anoncitaj en la Kongresa Libro kaj certe aldoniĝis pluraj dekoj da kunsidoj.
Entute 1635 esperantistoj el 49 landoj aliĝis al tiu Kongreso por denove renkonti amikojn kaj por sperti internacian etoson.
Tio ankaŭ bone funkciis dank al la sukcesa laboro de la LKK.
La junuloj, kiuj lanĉis la varbkampanjon nur iom bedaŭras, ke ne estis ebla starigi efikan varbadon al la Lucernanoj kaj al la partoprenantoj de la internacia kantfestivalo "Europa Cantat", kiujĵus en tiu ĉi momento spertadas la lingvan problemon.

LA VARBKAMPANJO
***************

Rapide la 2000 seslingvaj flugfolioj estis distribuitaj, kvankam multaj interesitoj starigis ankoraŭ demandojn, kiujn ni detale respondis. Japanoj ĝojegis, ke ili trovis en Eŭropo flugfolion parte en japana lingvo; kaj italoj kritikis "manka italiana!". Tamen, laŭ la ĝeneralaj spontaneaj komentoj de la personoj, kiuj ricevis la flugfoliojn irante al la vendredvespera koncerto, tiu varbagado estis ege efika. Ni estus povintaj disdoni 4000 varbilojn kaj krome aranĝi informvesperojn. Kunlaborantoj ĉiam facile troveblis, sed oni bezonus kunordiganton.
Ĉu en Stokholmo estos tia persono?

ANTAŬ OL VI FORIRAS
*******************

- rigardu ĉe la Rendevua Tabulo, ĉu estas mesaĝo por vi aŭ letero
- rigardu ĉe la giĉeto apud la Rendevua Tablo, ĉu estis trovita objekto, kiun vi eble perdis
- donacu viajn superfluajn svisajn frankojn al la kaso por la "Apopta Kaso", per kio oni pagos UK-aliĝojn de esperantistoj el la Tria Mondo
- rigardu, ĉu vi eble volas mendi fotojn pri la UK




- kaj skribu al viaj amikoj poŝtkartojn uzante la Esperanto-poŝtmarkon:



MEKSIKIO
********

Esperantista Meksika Junularo invitas al kunlabora evento por celebri la Jaron de la Infano.
Laŭ ilia opinio la Esperanto-movado devus plie kunlabori en la Internacia Jaro de la Infano. La meksikoj verkis agadplanon por tion efektivigi. Se vi interesiĝas pri tiu projekto, skribu al EMJ, poŝtkesto M-9310, México, 1, D.F.

JAPANAJ GELERNANTOJ
********************

Japanaj gelernantoj (15-17-jaraj) deziras havi gekorespondantojn. Bonvolu noti la adreson de ilia gvidanto s-ro Okumura (kongresano 1092) kaj donu ĝin al volontuloj en via hejmloko.

KUN STAMPO
**********

En la giĉeto, kie haveblas fotolibroj, fotoalbumoj kaj lumbildoj pri Svislando, ankaŭ estas aĉeteblaj tiaj libroj aŭ albumoj kun stampo de la 64-a UK.
Cetere, ankaŭ eblas glui la Esperanto-poŝtmarkon sur poŝtkarton por ricevi la specialan stampon.

KUNLABORINTOJ KAJ PRELEGINTOJ
*****************************

LKK invitas tiujn personojn al la kaso por akcepti la kongreskotizon, kiun tiuj homoj ja rericevas.

PILGRIMO, VOJO AL DIO
*********************

En la belga pilgrimloko Banneux, apud Liège, okazos dimanĉon, la 9-an de septembro 1979 la kvara internacia pilgrima kunveno esperantista. La temo estos "Pilgrimo, vojo al Dio".
Informojn donas Patro L. Bourdon O.P., Avenue Salomon7, F-59800 Lille, Francio.

500 EN EK
*********

Dum la 64-a UK aliĝis tiom da italoj al "Eŭropa Klubo", ke landa sekcio en Italio fondiĝos. Krome Prof. Frank, prezidanto de Eŭropa Klubo (EK), ĉi tie varbis la 500-an membron.

AŬTUNAJ ESPERANTO-ARANĜOJ
*************************

Pollando invitas al diversaj Esperanto-aranĝoj, ekzemple:

30.11. ĝis 2.12.: Krakow - "opero 79", 20-a pola Esperanto kongreso
7.12. ĝis 9.12.: Zakopane - internacia renkontiĝo
30.11. ĝis 9.12.: Krakow/Bydgoszcz/Torun/Zakopane - 5-a foiro de Esperanto-Turismo

Pli detalajn informojn donos: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo
str. M. Skłodowskiej-Curie 10
PL-85-094 Bydgoszcz

TRADICIE KAJ FINFINE
*********************

Tradicie okazos la 23-a Internacia Seminario de Germana Esperanto-Junularo apud Würzburg pri la temo "Eŭropo kaj la Tria Mondo" de la 28-a de decembro 1979 ĝis la 4-a de januaro 1980.
Tiu seminario celas internacian,lingve spertan,junan publikon.
La kotizoj estas ĉirkaŭ duono de la IJK-kotizoj.
Finfine okazas ankaŭ io por mezaĝuloj, nome Internacia Festivalo paralela al la IS. Ĝi celas junaj familiojn kaj homojn ĝis 50 jarojn aĝaj por pridiskuti samloke la saman temon kiel la IS.

---






INTERESA FLUGEBLECO
*******************

La sveda flugkompanio SAS ofertas rabatitan flugon de FR Germanio al Stokholmo, validan nur sabate. Ĉar ankaŭ la venontjara UK okazos de sabato ĝis sabato (2-a ĝis 9-a de aŭgusto 1980), la kongresanoj povos tre bone utiliĝi tiun eblecon. La rabato estas ĉirkaŭ 40 %.
Por eviti, ke neesperantistaj grupoj forprenos la sidlokojn en la sabataj aviadiloj, Esperanto-Centro D-4790 Paderborn aĉetis ĉiujn haveblajn biletojn por la 2-a de aŭgusto 1980. Ni akcentu, ke ankaŭ postkongresemuloj povas profiti tiun eblecon. Interesuloj turnu sin al Paderborn.

Hermann Behrmann
kongresnumero 648





LKK DANKAS PRO VIA VIZITO EN LUCERNO KAJ ESPERAS, KE VI HEJMENPORTOS NUR BONAJN REMEMOROJN. LKK DEZIRAS AL VI AGRABLAN KAJ BONAN REHEJMIĜON.

NOME DE LKK, LA PREZIDANTO

| | | |
|---|---|---|
| . | 1969 Helsinki, Fin. | |
| 55. | 1970 Wien, Aŭstrujo | 1987 |
| 56. | 1971 London, Britujo | 2071 |
| 57. | 1972 Portland (Or.), Usono | 923 |
| 58. | 1973 Beograd, Jugoslavio | 1638 |
| 59. | 1974 Hamburg, FR Germ. | 1651 |
| 60. | 1975 København, Dan. | 1227 |
| 61. | 1976 Athinai, Greklando | 1266 |
| 62. | 1977 Reykjavik, Islando | 1199 |
| 63. | 1978 Varna, Bulgario | 4414 |
| 64. | 1979 Luzern, Svislando | 1635 |
| 65. | 1980 Stockholm, Svedujo | |
| 66. | 1981 Brasilia, Brazilo | |

POR VIA STATISTIKO
******************

Jen listo de la Universalaj Kongresoj de Esperanto de la sepdekaj jaroj. Lucerno viciĝas inter la mezgrandaj kongresoj. Al ĝi venis preskaŭ same multaj kongresanoj kiel al Hamburg kaj Beograd en 1974 kaj 1973, nome ĉirkaŭ 1650 homoj.

FOTOJ
*****

Se vi volas mendi kongresajn fotojn, serĉu la giĉeton por tio, kiu akceptas viajn mendojn. Unu kolora poŝtkartformata bildo kostas 3,50 svisajn frankojn kaj aldoniĝos la sendokostoj. La fotejo promesis ekspedi la bildojn post unu semajno, se necese aerpoŝte.

PLENDO
******

"Mi treege plendas pri tio en la nomo de multaj kongresanoj, ke ĉe la bankedo la menukarto estis skribita en germana lingvo."

Marie Laade, kongresnumero 171

PROGRAMŜANĜOJ
*************

ne estos hodiaŭ. La fermo okazos laŭ la Kongresa Libro je la 10-a horo kaj ankaŭ la malfermhoroj de la giĉetoj publikigitaj en la Kongresa Libro validas.

ŜTATREGISTREJO
**************

S-ro J. Cox, kongresano 1277, petas informojn pri ŝtatregistrejoj de kompanioj en diversaj landoj.

FLUGBAGAĜOJ EKDE LUZERN
************************

Liberigite de viaj valizoj vi vojaĝu de Luzern al la flughaveno Zürich. Vi atingu vian celon en Novjorko, Londono, Ateno, Stokholmo, aŭ iu alia urbo - kaj tie viaj valizoj atendos vin!
Dank' al la nova bagaĝsistemo urbo-al-urbo, vi ne havos ĝenojn. Kiu rajtas uzi la novan servon?
Tiu, kiu posedas flugbileton kun konfirmo de UK, por foriro el Zürich per iu regula flugo. Jam en Lucerno vi transdonu vian bagaĝon ĉe la fervoja giĉeto de la stacidomo Luzern por ekspedo. Pri la transporto de la trajno al la flughaveno vi ne plu devas zorgi.
En la flughaveno Zürich vi uzu la rapidservan EKSPRES/EXPRESS-giĉeton. Pri ĉartaj flugoj vi povas same profiti: nur petu informon.
Ni deziras al vi agrablan vojaĝon!

SWISSAIR
Svisaj Federaciaj Fervojoj

teksto skribita per globkapa skribmaŝino IBM modelo 82C
Kongresa Kuriero - redaktis: Thomas Bormann (KN 105)